5-a jaro. — N-ro 1 (49). Novembro 1912.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*



REDAKCIO :
**Oscar VAN SCHOOR**
20, Vondelstraat
ANTVERPENO




ADMINISTRACIO :
**Frans SCHOOFS**
45, Kleine Beerstraat
ANTVERPENO



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

ANTVERPENO

— 1912 —

5-a JARO. NOVEMBRO 1912. 1a NUMERO (49)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcio :
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
ANTVERPENO

Administracio :
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
ANTVERPENO

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Al niaj karaj Legantoj

Tiu ĉi numero estas la unua de la kvina jaro. Dum tiu ĉi jaro la Redakcio ŝparos neniajn klopodojn por subteni kaj plibonigi nian belgan organon. Ankaŭ de niaj samideanoj ni petas, kion ni jam ofte petis, nome ke ili abonu kaj abonigu eble plej multe da samideanoj. Ĉiu Belga Esperantisto devus esti abonanto de nia ĵurnalo, ĉar nia revuo estas la plej bona pruvo de vivebleco de esperanto en nia lando. Se ĝi falus, ve nia movado ! Niaj samideanoj ankaŭ ne forgesu sendi al ni antaŭ la fino de ĉiu monato korespondaĵojn pri esperantaj festoj kaj okazintaĵoj, sed ili atentu ĉiam skribi *legeble*, nur sur unu flanko de la papero, kaj ili redaktu la novaĵojn kiel eble plej malgrande, ĉar B. E. intencas rezervi pli grandan lokon al la literaturaĵoj, ĉu tradukaĵoj, ĉu originalaĵoj.

En la proksima numero ni publikigos la rezultaton de la konkurso Conscience en kiu 19 samideanoj partoprenis. La premiitaj verkoj estos publikigitaj en la Va jaro de nia revuo.

La grupoj skribu plej baldaŭe al ni la nombron kaj adresojn de la abonantoj por la kvina jaro kaj ankaŭ sendu plej baldaŭ eble la monon de la abonoj.

Resumu ni ! Gesamideanoj helpu nin ĉia ajn maniere kaj plezurege kaj sindoneme ni laboros por igi B. E. unu el la plej interesaj revuoj de la esperantista ĵurnalaro.

B. E.



# Al la Tutmonda Esperantistaro !

*Estimataj Samidean (in) oj !*

Inter la multnombraj internaciaj kongresoj kaj festoj okazantaj dum la Universala Ekspozicio en Gent (Gand) 1913 troviĝas la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso kiu okazos en Gent (Gand) de la 23a ĝis la 28a de Aŭgusto 1912.

Ĉi-tiu kongreso prezentos unuuran okazon por montri al la tutmonda publiko la praktikan aplikeblecon de Esperanto, kaj la gravecon de nia movado, kaj laŭ interkonsento kun la estraro de la Ekspozicio estos ankaŭ organizata speciala esperanta sekcio kiu estos plene dediĉita al la propagando de Esperanto.

Tiu esperanta semajno ne estos kongreso, sed nur esperantista manifestacio, kies programo konsistos precipe el prezentado de teatraĵoj en Esperanto, koncertoj, festoj, k. t. p. kaj nur unu ĝenerala laboro kunsido havas lokon kaj la nuran pritraktotan temon estos « Kiuj estas la plej bonaj rimedoj por propagandi la Esperantan Lingvon ».

Por doni al tiu manifestacio, la plej grandiozan efikon kaj ankaŭ por progresigi la propagandon de Esperanto, la organiza komitato decidis inviti siajn samideanojn de Belgujo kaj aliaj landoj partopreni en tiu tutmonda manifestacio.

La Internacia Esperantista Semajno-Kongreso plej eble ebligos la propagandon de nia kara lingvo : estas do dezirinde ke la esperantistaro, ne restu indiferenta pri tiu grava kaj grandioza elmontro.

La prezo de la kongreskarto estas Fr. 2.50, Sm. 1.000.

Por ricevi ĝin, oni estas petata sin turni al la kasisto, kaj aldoni la ĉi-supre cititan sumon, ĉu ĉeke, ĉu poŝtmandate, kaj plenigi la aliĝilon aldonitan al tiu cirkulero. Ankaŭ la transpagiloj de la Ĉekbanko Esperantista estas akceptataj. .

Poŝtrevene la subskribintoj ricevos sian provizoran kongreskarton, ŝanĝotan ĉe la kongreso kontraŭ definitiva artplena ekzemplero.

La organiza komitato preparas ĉiujn dezirindajn aranĝojn por ke la restado de niaj samideanoj en Gent (Gand), estu kiel eble plej agrabla, kaj prenas sur sin reservi loĝadon al la kongresanoj.

La organiza Komitato estas kunmetita jene :

Honora Prezidanto : S-ro ALB. MAERTENS, Kruisstraat, 9, Gent.

Prezidanto : S-ro SEBRUYNS, Gentschestraat, 34, St-Amandsberg-bij-Gent.

Vicprezidantoj : S-ro ARTH. VERMANDEL, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen.

S-ro WILLY ERNST, rue du Ravin, 4 Charleroi.

S-ro O. DE BRUYCKER, Klokstraat, 20, Gentbrugge.

Sekretario : S-ro H. PETIAU, St-Lievenslaan, 60, Gent.

Help-Sekretario : S-ro VAN CLEEMPUT, Gent.

Kasisto : S-ro JOS. FOUQUET, 28, Knopstraat, Gent.

Help-Kasisto : S-ro J. BARBE-DE KNEEF, Kerkstraat, 125, Gentbrugge.

Direktino de la loĝada Komitato : F-ino R. SCHEPENS, Karel Lodewijk Dierickxstraat, 14, Gent.

Tial ke la laboro de la organiza Komitato estas tre ampleksa, kaj por realigi la punktojn de la programo, estas necese ke ĝiaj agadoj komencu de la 1a de januaro 1913.

La grava morala kaj financa respondeco de la organiza komitato necesigas, ke ĝi kiel eble plej baldaŭ eksciu, kiom da enspezoj ĝi povos proksimume disponi. La materia organizado de la kongreso nepre dependas de ĝiaj monrimedoj. Samideanoj, vi ege faciligos la taskon kaj vi malpezigos la respondecon de la organizantoj ne prokrastante alsendi vian aliĝon !

La organiza komitato de la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso :

La Prezidanto, M. SEBRUYNS.

La Honora Prezidanto, ALB. MAERTENS.

La Vic-Prezidantoj, ARTH. VERMANDEL. WILLY ERNST. O. DE BRUYCKER.

La Sekretario, H. PETIAU.

La Kasisto, JOS. FOUQUET.

Help-Sekretario, FL. VAN CLEEMPUT.

Help-Kasisto, J. BARBE-DE KNEEF.

Directorino de la Loĝada Komitato, F-ino R. SCHEPENS.

N. B. — Por ke ĉiuj esperantistoj ebliĝu kunhelpi je la sukceso de la Internacia Esperanta Semajno-Kongreso, la Samideanoj al kiuj la ĉeestado ne estos ebla povas enskribigi sin kiel helpkongresanoj. La kotizajo estas la sama kun samaj rajtoj (t. e. recevo senpage de la raportoj, Kongreslibro. k.t.p.)

# Pri Balkanaj aferoj.

Mi volas iomete skribi pri kaŭzo de nuna milito inter balkanaj nacioj: Bulgarujo, Serbujo, Grekujo kaj Montenegro — kaj barbara Turkujo (pardonu min, legantoj!)

Antaŭ 500 kaj eble pli da jaroj, nomitaj Balkanaj nacioj estis invaditaj de Turkujo. Sed ĉar la turka jugo estis netolerebla, balkanaj popoloj ribeliĝis de tempo al tempo ĝis plej poste sukcesis liberigi sin unu post alia de la Turka premego kaj envivi libere, sendepende kiel ĉiuj Eŭropaj nacioj. Tiu ĉi liberigado komenciĝis de 200 jaroj por Serbujo kaj Grekujo sed Bulgarujo liberiĝis apenaŭ antaŭ 35 jaroj. En neliberigitaj Turkaj provincoj: Makedonujo, Odrina regiono, Albanujo kaj aliaj, restis fratoj de Bulgaroj, Serboj, Grekoj kaj Montenegranoj, sed Turkujo daŭrigadis premadon sur ili.

En 1878 kiam liberiĝis Bulgarujo, en Berlino oni subskribis traktaton en kiu Turkujo promesis doni reformojn al neliberigitaj kristanaj provincoj, nome al Makedonujo, Odrina regiono kaj aliaj; sed ĝis nun neniajn kontentigajn reformojn donis.

Turkujo ne sole ne donis reformojn promesitajn en artikolo 23 de Berlina traktato, sed plej terure punis ĉiujn siajn regatojn kiuj permesis al si paroli pri reformoj. Al ili ĝi bolantan oleon en orelojn enverŝis; nazojn eltranĉis; okulojn eligis; ilin ĝi malproksimen ekziligis. Kaj tiuj ĉi bedaŭrataj homoj estis kristanoj, fratoj de Bulgaroj, Serboj, Grekoj. Ĉu tiuj ĉi lastaj povis esti indiferentaj, apatiaj?.. komprenehle ne. Kaj vi, karaj legantoj, bone komprenas ke, eĉ se homo el fero estus farita, tiam ne povus trankvile rigardi tiajn barbaraĵojn.

Balkanaj nacioj multajn fojojn petis grandajn naciojn devigi Turkujon enkonduki reformojn en siajn provincojn kaj ĉesigi sovaĝan konduton kun siaj regatoj kristanaj, ĉar ili sklavoj ne estas, sed, ho ve, grandaj nacioj, pro iaj siaj interesoj en Turkujo ne volis plenumi 23an artikolon de Berlina traktato, kvankam tiun ĉi traktaton subskribis grandaj nacioj.

Balkanaj landoj komprenante ke ili mem- ne alia- povas helpi al ili, tial kune komencis batali kontraŭ Turkujo, post kiam elprovis ĉiujn pacajn rimedojn, por doni per siaj sango kaj ostoj liberecon al kristanoj en Turkujo, pri kia libereco devas ĝoji ĉiu homa.

Penko Stojev (Trojan, Bulgarujo).

# UTOPIO

DE

## JAN VAN RIJSWIJK (*) (1853-1906)

Mi estis malgranda knabo kaj lernejon ankoraŭ iris.

La instruisto estis dum la tuta leciono rakontinta pri la Franc-Germana milito, tiam plene furiozanta. La antaŭan tagon la buĉado ree estis terurega: ĉe ambaŭ flankoj miloj da soldatoj estis falintaj. La instruisto priskribis al ni batalon; imagu: la tondrado de la artilerio, la kraketado de la muskedpafado, la ĝemado de l'vunditoj, viroj kaj ĉevaloj kiu interrenversiĝas, kaj ĉio tio por la plezuro de du imperiestroj. Ni estis indignantaj... (la leganto volu memori ke ni estis nur infanoj).

Subite, unu el la knaboj — mi eĉ kredas ke estis mi — levis sian fingron kaj ruĝiĝante pro sia propra kuraĝo :

« Sinjoro instruisto », li demandis « sed se ĉiuj soldatoj kune agus kaj rifuzus pafi, tiam... tiam la milito finiĝus. »

La instruisto ŝajnis momenton embarasita, sed tuj respondis kun io grava en la voĉo :

« Silentu, knabo, tio estas utopio. »

« Ha ! tiel ! mi pensis, se estas utopio. »

Mi ja ne bone komprenis kio tio estas, utopio, sed mi sentis tamen ke estas io per kio oni fermas la buŝon de scivolemulo

Kelkajn tagojn poste mia plej juna frato demandis al mi, kial li ankaŭ ne povus sidi sur la ĉevalo, kaj mi respondis, tre grave :

« Silentu, knabo, tio estas utopio ! »

Ho, infekto de l'ekzemplo.

* * *

Tiu infana memorajo revenis al mi ĉi tiujn semajnon, okaze de la internacia packongreso en Bruselo. Neniu ne konsentas pri la altaj intencoj de tiuj noblaj homamantoj. Sed dum oni interne aprobas, oni ekstere levas la ŝultrojn, kaj oni diras: estas utopiistoj.

Ho stulta forto de vorto ! Kiom da bonaj intencoj oni repuŝis, kiom da admirindaj planoj oni krevis per tiuj kvar silaboj. Ili similas kondamno, nerevokebla juĝo. Sonas tiel efike, faras tian impreson sur la amasoj kian oni povas svingi al la kapo de l'kontraŭulo : U-to-pi-o !

* * *

Kaj kial, mi petas, la forigo de tiu infera mortigado estus maleblaĵo ?

Ekzistas tiom da reformoj pri kiuj oni diris jarojn, jarcentojn ke ili estis ne efektivigeblaj, kaj kiuj malgraŭ ĉio realiĝis. Mi nur citos unu ekzemplon, kiu estas de la sama speco kiel nia subjekto: ĉu oni ne diris ĝis en niaj tempoj ke la abolicio de la sklaveco estas neefektivigebla utopio ? La famaj filozofoj de la antikveco ne

(*) Urbestro de Antverpeno de 1892 ĝis 1906. (N. de Tradukinto)

povis imagi ŝtaton kie ne estus sklavoj. Kaj spite ĉio oni neniigis ĝin.

Niaflanke, kun firma konfido ni kredas ke iam la tago alvenos, kiam la popoloj ne plu interbatalos kaj kiam la proverbo « la homo estas lupo por la homo » estos mensogo. Ni konsentas kun Lamartine, kiam li skribas : « Utopioj ofte estas nenio pli ol antaŭtempaj verajoj », kaj kun urbestro Buls (*), kiu en sia malferma parolo ĉe la Kongreso tiel trafe diris: « la tago estas ankoraŭ tre malproksime de ni, sed kiam unufoje ĝi estos veninta, tiam oni miros pro tio ke oni tiel longtempe devis ĝin atendi ».

* *

Ni neniel sentas la neceson priskribi por niaj legantoj scenon de la malfeliĉoj de l'milito. Por tio ni nenion pli bonan povus fari ol represigi la redakton kiun la instruisto farigis al ni ĉe la suprecitita okazo : priskribu la malfeliĉojn de la milito.

Malgraŭ tio estas flanko de la demando kiun infanoj — ankaŭ do la popolo, tiu granda infano — ne sufiĉe atentas, kaj pri kiu ni momenton volas paroli.

La malfeliĉoj de la milito ne estas nur tio kion oni vidas. La mortintoj kaj vunditoj, la farmdomoj brulantaj, la plorĝemado de vidvinoj kaj orfoj... ne estas tio ĉio. Ho, tio estas rapide forgesita, forgesita je la unuaj herberoj kiuj ekkreskas sur la bonege sterkita tombo. Iru al Sedan kaj vidu kiel floranta estas la rikolto dum la somero. La terkulturisto kiu tie faras sian sulkon sendube ne plu pensas pri la abomenaĵoj kies scenejo estis lia kampo. Estas bonfaro de la naturo, ke suferitaj, vivitaj katastrofoj estas tiel rapide forviŝitaj.

Sed kiam la bataltempo preterpasis, la malfeliĉego tamen ne ĉesas furiozi. La milita budĝeto, ekzemple, daŭrigas premegi la popolon, la militkontingento ĉiujare paralizas la plej bonajn elementojn de la nacio. Mizeron suferas la nealtrangaj personoj pro ĉiuj tiuj kanonoj, tiuj uniformoj, tiuj kirasŝipoj. La milita budĝeto de Eŭropo estas monstra. Ĉiuj tiuj fortoj, ĉiuj tiuj kapitaloj, se ili estus bone uzataj, dolĉigus la publikan mizeregon laŭ sentebla grado, kaj kiu scias, eble malhelpus ĝin. Ĉu Germanujo, ekzemple, ne estas treege malfeliĉa pro siaj gigantaj armiĝoj.

Kelkaj el ĝiaj provincoj prezentas la spektaklon de nuda, ne fruktodono regiono, kie tuta loĝantaro vane trafosas la grundon por iom da nefortikiga nutraĵo. Ĉi tie en Antverpeno ni tion rimarkas tre bone, laŭ la centoj de elmigrantoj kiuj ĉiutage iras tra niaj stratoj. Nu, kiom da laboristdomoj oni povus konstrui anstataŭ unu kazerno, kiom da terkulturiloj produktus unu kanono, kiom da laboro faros unu regimento ?

(*) Antaŭa urbestro de Bruselo (noto de tradukinto).

La premantaj militimpostoj, jen la granda Minotaŭro, kiu englutegas nian socieĉon. La oferoj, kiujn ĝi postulas, silente falas, ĉiun tagon, ĉiun horon ; ili formortas, malsatigitaj, elĉerpitaj pro nesufiĉego. La milito furiozas nur momenton, sed post ĝi trenas sin la pala fantomo de l'mizero de la 1a de januaro ĝis la 31a de decembro. Ho, batalkampo estas nenio kompare je ĝi.

Kaj estas tiu daŭra, senĉesa malfeliĉego, kiu iam malfermigos la okulojn de la popolo, kiam ĉi tiu ĝin plene komprenos. Pro tio estas nur necesaj : disvastigo de la ekonomiaj principoj, klerigado, instruado.

Tion la malgranda knabo de antaŭe forgesis meti en sian redaktajon,

— « Sinjoro instruisto, kial la soldatoj ne rifuzas pafi ? »

Se la mortintoj povus revivi, kaj kiam oni ordonus al ili por rekomenci, tiam, ili ne plu pafus ; la generaloj, la marŝaloj, la imperiestroj principe, ili..

Sed la mortintoj ne revivas kaj la vivantoj forgesas la mortintojn.

— « Sinjoro instruisto, kial ĉiuj soldatoj ne kune agas ? »

Paciencon, knabo, ili agos kune, kiam ili plene estos komprenintaj ke la milito *ĉiam* mortigas, kaj *precipe* en pacaj tempoj. Kaj tion ili komprenos kiam ili ankoraŭ iom pli vizitados la lernejon. La libro venkos la glavon.

(Aperis en flandra ĵurnalo, okt. 1882)

El flandra lingvo tradukis Fr. Delgarbo.

Ĉu ne estas bone represi tiujare ĉi tiun artikoleton ?

FR. DELGARBO.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO. — La Verda Stelo.** — Kiel kutime, tiu societo organizis ĉi tiun vintron du kursojn pri Esperanto, kiuj okazas ĉiumarde kaj ĉiujaŭde en la komunume lernejo de la Groote Hondstraat. Ili estas gvidataj de la samideano Frans Schoofs, prezidanto de la societo.

La grupo, kiu senĉese faras efikan propagandon kunvenas ĉiumerkrede en sia sidejo, « In de Ton » Pelikaanstraat 14 (apud la Centra Stacidomo).

La komitato de la societo petas siajn membrojn ke ili multnombre ĉeestu la ĝeneralan kunvenon de la grupo, kiu okazos merkredon la 4an de decembro je la 8 1/2 h. vespere en la suprecitita loko.

— La esperanta grupo vivo rekomencis dum la Oktobra monato. En la Antverpeno grupo oni organizis du kursojn ; unu por virinoj, ĉiumerkrede, unu por gesinjoroj ĉiusabate. Ambaŭ kursoj okazas en urbaj lernejoj. —

Suda Lumo organizis kurson kaj faris komence de Novembro ekskurson al Lier, kie post parolado de S-o Jacobs, prezidants, oni starigis kurson kaj grupon. — En Contich, S-o Schoofs, la prezidanto de la Verda Stelo, faris paroladon por starigi grupon. — Suda Lumo organizis en la komenco de Novembro belan koncerton kun balo kiuj bonege sukcesis. — La kursoj en Verda Stelo (Zurenborg) Laboro (Borgerhout) kaj Verda Standardo (Antwerpen) ree estas organizitaj.—Je la 26a de Novembro okazis en Restoracio Lepage, belega esperantista vespermanĝo kun posta amuziga intima vesperfesto

**BRUSELO.** - **Federacio de la Bruselaj Grupoj.**—Dum la libertempo, aŭgusto kaj septembro, ĉesis kompreneble la kutimaj kunvenoj. La plimulto el la anoj vojaĝis, kelkaj al la marbordo, kelkaj al la kamparo. Aliaj trapasis la landlimon kaj vizitis niajn samideanojn en Holando, Svisujo, Tirolo. ĉe la Rejnbordoj, precipe en nia Esperanta Kolonio Godesberg, kie tri el niaj federacianoj pasigis kelkajn feliĉajn semajnojn. Kelkaj pli malproksime vojaĝis, kaj alportis la salutojn de de Belga ligo al Nuremberg kie estas Federacio enhavanta 11 grupojn, al Vieno kaj al Budapest.

Sed la libertempo pasis kaj la labortempo rekomencas. La Brusela Federacio komencis sian novan societan jaron per ĝenerala kunsido en sia oficiala kunvenejo, ĉe la Societo internacia de Bibliografio, la 27an de oktobro. La prezidanto, Profesoro D-ro Van Drunen, la du vicprezidantoj, S-roj Mathieux kaj Baez, kaj 26 geanoj ĉeestis. Oni legis senkulpigleterojn de kelkaj forestintoj Poste oni pritraktis la aferojn de la Federacio je la vidpunkto de la financo kaj de la propagando. La aliĝintaj grupoj de St Gilles, Ixelles, la Brusela Grupo de la Poliglota Klubo kunvenos samtage kaj samloke kiel la pasintan jaron.

Nia fervora kaj gastema animo F-ino Moreau proponis kunvenigi ĉe ŝi apartan virinan grupon. Ŝi tamen, kompateme, akceptis en tiuj kunvenoj eĉ la malbelon sekson, sed nur kiel vizitantoj : F-ino Moreau ankoraŭ proponis kaj oni unuanime akceptis la ideon, ke la bruselaj gesamideanoj laŭ la kutimo, kiun ŝi rimarkis en Godesberg R., havu en la urbo agrablan kaj tre respektindan rendevuejon, kie ili povus ofte kunveni, Ŝi proponis sufiĉe grandan kaj tre belan « Crêmerie Le Moulin », lokitan en la rue du Pontneuf, ne malproksime de la norda Stacidomo.

La unua kunveno okazis je la festo de « Ciuj Sanktuloj » ; 30-an da gesamideanoj ĉeestis. Ili faris ĝojan manĝeton kaj altiris kompreneble la atenton de la tre multnombra klientaro de la loko, kiu pro la festotago estis tutplena. Oni respondis al multaj demandoj kaj disdonis multajn propagandilojn. La publiko precipe miris pri la fakto ke personoj el 7 diversaj landoj, t. e. belgoj, angloj, holandanoj, germanoj, hispanoj, poloj kaj bulgaroj tiel facile kaj flue interparoladis per unu internacia lingvo. Estas rimarkinda ke la bulgaro povis apenaŭ babili kelkajn francajn vortojn, kvankam, per Esperanto li flue interrilatis kun ĉiu. Post du horoj da plezuro, la gesamideanoj disiĝis dirante ne adiaŭ, sed ĝis la revido ĉi tie kaj baldaŭ. A. Ro.

Ĉe la « Université libre » S-ro Mathieux, nia fervora samideano, gvidas ĉiujaŭde esperantan kurson. En studenta pentraĵekspozicio bela propagandkarikaturo pri esperanto estis afiŝita.

Sed la plej grava okazintaĵo estis certe ĉe la « Cercle Polyglotte. » Fine, la Esperantistoj kiuj estas membroj de tiu « Cercle », revekiĝas kaj relaboras. Mardon, 12an de Novembro, okazis ĉe la diata klubo publika parolado pri la demando de internacia lingvo : Ĉu Volapuk ? (!) Ĉu Esperanto ? Ĉu *Ido* ?

S-ro Chalon paroladis, kaj la kunveno estis organizita sub la auspicioj de « The Anglo-American Institute ». La prezidanto (la uzita lingvo estas la franca) diris komence : « Mi kredas, gesinjoroj ke kontraŭ Ido nenia kontraŭdiro estas ebla » kiam nia samcelano R. De Leener, iom batalema,

ekkriis el la fundo de la ĉambrego, « Sinjoro, mi estas preta kontraŭdir en la normo de la ĉi tieaj kaj bruselaj esperantistoj ? »

Surpizo en la ĉeestantaro ! Sed la prezidanto, embarasite, respondis : S ro, mi opinias ke estus pli praktike alian fojon kontraŭdiri » — « Kiam ? Kiam ? demandis nia amiko kaj prenante kiel teston sian honoron, la prezidanto de la « Institute » promesis ke tio baldaŭ okazos en la sama loko kaj ke « la kunveno estos kiel la nuna, afiŝe kaj invite konigota· « Eble li organizos tion kaj plenumos sian promeson ! Esperebla ! S-ro Chalon poste komencis sian paroladon. Li parolis pri « Volapük » Langue Bleue, solrésol, k. t. p. » sed preskaŭ nenion li diris, pri Esperanto ! Kial ??? Ĉu li timis ke, aŭdinte pri tiu lingvo, la publiko ne plu interesiĝos pri Ido ? ? ? Eble ! ! !

Kiam li parolis pri la fama afero de la « Delegacio » la ĉeestantaj esperantistoj ridis mallaŭte pri la ĉarmaj mensogoj baldaŭ detruotaj : post la kunveno ni disdonis propagandilojn enhavantajn la veron pri la afero ! ! !

Ĉiumomente esperantisto petis klarigon ! ! ! kaj la klarigo donita estis ĉiam malklariga ! Ho, « Ido » kia lingvo ! ! !

S-ro Chalon diris « La adjektivo ne povas, tute ne povas varii..... tamen kelkfoje tio povas okazi ! »

Nia amiko Lippens, montrante poŝtkarton al li skribitan de *fama* idisto legis :

Neniam, kaj en nenia okazo la adjektivo povas varii. Jam antaŭ S ro Sel demandis al la paroladisto la veran elparolmanieron de la idista litero « j ». « Tio ne estas ĉiamsama » devis konfesi la paroladisto. Ho, Ido, kia belega lingvo !

Kaj kiam li finis, S-ro Chalon kiel ni, eble vidis ke la ĉeestantoj estis pli atentaj al la Esperantistoj ol al li mem ! Denove parolis la prezidanto de « The Anglo-American Institute » kaj, esprimante la deziron de unuiĝo de Esperantistoj kaj Idistoj, li repromesis organizi alian publikan paroladon pri nia lingvo kaj plie.,.. komenciĝi **Esperantan** kurson en sia Instituto,

Fine, la parolado estis sukceso, kaj bona sukceso por... Esperanto ?

Bonan tagon, Idistoj ! *Esperantista Studento.*

**Caprijcke.** — Ni havas la plezuron sciigi niajn karajn naciajn samideanojn ke la movado en la Meetjeslando daŭrige kreskas. En la sama semajno rekomencos, en Caprijcke, du senpagaj kursoj ĉiusemajnaj, unu por sinjoro kaj alia por sinjorinoj. Tiuj ambaŭ kursoj estas donotaj de S-ro Dervaux, la prezidanto de tiuj grupoj. En nia komunumo, l'esperantista entrepreno estas grave estimata de la popolo. La plejmulto da rimarkindaj loĝantoj sekvis la antaŭajn kursojn starigitajn kies lernantara nombro atingis 53. Samtempe, ni devas transigi niajn korajn dankojn precipe al S ro Vilaĝestro Standaert, kiu ĉiam donas al ĉiaj niaj samcelanoj diligentan ekzemplon.

Proksiman semajnon, publikaj paraladoj estos farataj de suprecititaj S-ro Dervaux kune kun S-ro Van Ackere, la instruisto esperantista el Lembeke, en Eekloo, Meetjeslanda ĉefurbo kaj ankaŭ en Bassevelde, lokita proksime Caprijcke. Poste, aliĝiloj al la kursoj estas donotaj de profesoro Van Ackere. La estroj de tiuj lokoj, S-ro Dauwe, urbestro de Eekloo, kaj S-ro Van de Wattyne, vilaĝestro de Bassevelde, estas feliĉe bonfavoraj pri nia afero kaj la organizantoj de tiu ĉi movado esperas sukcesi dank al iliaj servemaj kaj lertaj helpantoj. Ni raportos pri la obtenitaj rezultatoj en la venonta numero. Ĉiuokaze, la semeroj, kien ajn kaj kiel ajn semitaj, fine ĝermos kaj fariĝos eble arboj.

SILVANO.

**CHARLEROI.** — **138** personoj enskribiĝis por sekvi la publikan kurson, kium faras S-ro Wagner, dum la vintraj monatoj, ĉe la Reĝa Ateneo de nia urbo.

La diversspecaj administracioj kaj la Karloreĝa industriistaro pli kaj pli interesiĝas pri nia entrepreno, ĉar iom post iom ili komprenas la vere praktikan celadon kaj bonfaradon de la esperantista propagando. Efektive,

krom Charleroi, kelkaj ĉirkaŭkuŝantaj komunumoj morale kaj mone apogas niajn laborojn. Pere de nia grupo. kaj dank' al inteligente kombinataj aranĝoj, la estraro de nia lasta Ekspozicio sukcesplene diskonigis en ĉiuj landoj de l'mondo la organizadon la granda loterio, kies gajnotaj premioj ĉiutage allogas multe da biletmendoj.

La 16an de Novembro, S-ro Henraut, profesoro de fremdlandaj lingvoj, faris tre lertan paroladon pri Esperanto, ĉe la urbdomo de *Lodelinsart*. Tie ankaŭ la disŝutitaj semoj donos kontentigajn fruktojn, se ni juĝas laŭ la sukceso kiun li rikoltis ĉe la densega aŭskultantaro. S-ro Henraut komencos siajn regulajn lecionojn la 19an de Novembro.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — La plej grava propagando en aŭgusto fariĝis per la Krakova Kongreso. Pro la malproksimeco ne tre multe da britoj povis ĉeesti (proks. 50), tamen ili propagandis dumvoje kun granda sukceso. En Keighley la « Entente Cordiale », loka filio de l'Internacia Frateca Aliĝo aranĝis kunvenon de delegitaro el Francujo (30 geesperantistoj) por kreskigi la Entente Cordiale. Estis plene sukcesa afero, kaj la eksurbestro, Monsieur Huilard, sendis komunikajon ke li celas helpi la alprenon de Esperanto por la laboro de l'societo, ĉar bona interkomunikilo estas plene necesa ; li mem promesis (se oni aranĝas vesperajn kursojn kaj premiojn de mono por lernigi Esperanton) donaci premion da mono por ke la premiitoj intervizitu siajn urbojn. Lokaj gazetoj detale raportis. Sinjorino el Hull per Esperanto plenumis plej plezurplenan kaj sukcesan (por la lingvoprovo) viziton en franca familio. Esperanto sole estis la dua lingvo de vizitantoj kaj vizitatoj. Tamen plej kore oni ŝin akceptis kaj honoris kaj facile interkompreniĝis. Oni sendis informon ke 12 el 14 « warrant officers » sur la militŝipo « Orion » nun lernas Esperanton, kaj ke ili invitas Esperantistojn viziti la ŝipon kiam ĝi haltas ĉe diversaj Skotaj kaj Anglaj urbo dumvoje. En la Londona klubo oni bonvenigis diversajn fremdlandajn Esperantistojn : inter ili S-ron Behr, S-ron Steininger (Germ); S-ron Honek (Tirolo) ; S-ron Maksimov (Rusl.), k. a. Londona Klubanino, S-ino Adela Ŝefer, estas la gajninto de l'unua premio de la literatura konkurso (por beletristika prozajo) en Krakovo. En Julio okazis la unua kongreseto de la mezlanda federacio. Lokaj jurnaloj raportis. La Esperantista tago en la « Blanka Urbo » (Ekspozicio) okazis tre sukcese. Proksimume 500 Esperantistoj de 50 diversaj grupoj ĉeestis kaj de 12 eksterkanalaj landoj. Oni sin tre amuzis kaj oni multe propagandis kiel kutime, per paroladoj kaj koncerto en la vespero. Kunsido de la U. E. A. ankaŭ okazis, dum la « aliaj » sin amuzis aliloke. Prezidis S-ro Mudie kaj parolis D-ro Pollen kaj S-ro Cox kaj aliaj. La propagando tre pliiĝas per la ĉiutaga citado de Esperanto en la jurnaloj ; dum 6 semajnoj estis en multege da ili informoj pri Esperanto (en 30 oni citis pri ĝia utilo al blinduloj).

° ° °

Tre praktika uzado de nia lingvo okazis en oktobro en la Brita Esp. Asocio. S-ro D-ro Werner Marchand, el Germanujo, priktraktis buŝe sciencan geologian temon, en kiu li estas fakisto. Li klarigis vulkanismon, erupciojn, gejzerojn, akvojn, pluvon, neĝoglaciejojn, montojn, rokdetruajn kreskajojn, k. c. en flua Esperanto, montrante belajn rokspecimenojn kaj figurajojn de ĉio figuraĝigebla ; krom tio li faris skizojn sur nigra tabulo, kiam necese. Ekzistas ja multaj fakistoj inter la Esperantistoj, ili faru same. — Plua antaŭpaŝo en Londono estas aranĝo de regule okazonta diservo en Esperanto. La 13an de Oktobro en Emmanuel Parish Hall okazis posttagmeze senceremiona himnokantado kaj diservo inter Esperantistoj.

Nia fervora homamanto, sinjoro Harrison Hill prezidis. kaj sinjoro Buller, la iniciinto, ludis kantitajn himnojn el la Brita himnaro. La kunvenoj

okazos ĉiun duan dimanĉon de l'monato sub diversa prezido. — En la lasta tempo, pli ol 22 anglaj jurnaloj enpresis ian sciigon pri Esperanto, helpante tiamaniere ĝian disvastigon. Diversaj hoteloj kaj sep firmoj tre konataj aliĝis al la Universala Esp. Asocio. — Plie oni instruas Esp. en la tre konata fabriko de Caribonum Ltd. (skribmaŝinfaristoj) : 19 personoj nun lernas la lingvon, dank'al la klopodoj de S-ro Fritz Weber, kiu estas la iniciinto. — Nova kurso fariĝis en Plumstead ; en Chorley, kurso por geknaboj nepli aĝaj ol 16 jaroj estia aranĝita kaj plie en Riston aranĝiĝis kurso por knaboskoltoj. — Paroladoj okazis en Deal, Plymouth, Southport k. c. — Entute la propagando tre kontentige antaŭen marŝadas — tiel ke raporti pri ĉio oni ne povas.

Ad. S.

# Esperanto en Middelburg
## (HOLANDO)

Estas ĉiam ĝojiga fakto por ni, Esperantistoj, kiam ni povas ĉeesti la enkondukon de nia movado en lokon kie ĝi ankoraŭ ne estis konata. Dank'al la afabla invito de Middelburg'aj geamikoj, mi havis la feliĉon ĉeesti, je jaŭdo, la 17a de Oktobro, la aperon de Esperanto en la antikva ĉefurbo de Zelando. La iniciatinto de tiu Esperanto-tago estis la « Zelanda Komitato por Esperanto », kies sidejo estas en Goes.

La 17an frumatene mi jam kun ĝojo kaj emocio vidis la verdan flagon flirtantan ĉe la ĉambrego « Schuttershof », la ĉefa festhalo de Middelburg. S-ro van Valkenburg, sekretario de la dirita komitato, afable gvidis min tra la ekspozicio kiun li ĵus estis aranĝinta, kaj kiu estis videbla por la publiko de la 1a ĝis la 6a posttagmeze. Tre multnombraj kaj interesaj estis la elmetaĵoj, kaj mi precipe admiris la sistemon uzitan por tiu fluganta ekspozicio : ĉiuj paperaĵoj : poŝtkartoj, propagandiloj, katalogoj, libretoj, gvidfolioj, k. c., estis gluitaj sur grandaj samampleksaj kartonoj, kiuj, en la daŭro de kelkaj minutoj, povis estis elmetitaj sur la tablojn aŭ ĉe la murojn, kaj egale rapide esti remetitaj en grandan keston, kiu, la saman vesperon, kun la organizinto ree vojaĝos al Goes.

Vespere je la oka okazis la paroladoj. La unua estis farita de ĉarma lertega samideanino el Hago, Sinjorino Vet-Dirksen, aŭtorino de tre rekomendinda Esperanta lernolibro. S-ino Vet, kiu ĉeestis la Antverpenan kongreson kaj tie estis trafita de la vera praktikeco de Esperanto ĉe la ĝeneralaj kaj fakaj kunsidoj, parolis trafe kaj precize pri ĉio kio rilatas al nia movado : la neceseco de mondlingvo artefarita, la antaŭaj projektoj, speciale Volapuk, la naskiĝo de Esperanto kaj ĝia disvastiĝo tra la mondo, ĝia ideala kaj praktika flanko, la servoj de U. E. A., la facileco de la Esperanta gramatiko.

Plenatente la ĉeestantoj aŭskultis kaj varme aklamis la lertan parolintinon.

Tiam, Kapitano Van Erp, el Bergen-op Zoom, pritraktis per kelkaj spritaj aŭ kortuŝaj anekdotoj la temon : kial mi fariĝis Esperantisto. Ankaŭ lia parolado, tiel energia kaj trafanta, rikoltis grandan sukceson.

Povu la semoj semitaj de tiuj sindonaj propagandistoj esti fruktodonaj kaj varbi multajn Middelburg'anojn por nia kara movado. Ĝoje mi konstatis ke la « Middelburgsche Courant » plej favore raportis pri tiu unua Esperanto-tago en Middelburg.

24 Okt. 1912. MARIA POSENAER.

## ESPERANTO KIEL TRADUKILO.

Oni ofte rimarkigis en diversaj landoj ke per Esperanto oni pli akurate tradukas nacian tekston ol per iu ajn fremda lingvo. Sed estas ankoraŭ pli strange konstati ke kelkfoje Esperantisto raportas Esperante pli fidele ol raportisto, kiu pretendos raporti per la lingvo mem uzita de la oratoro.

Jen tamen fakto. De la 21a ĝis la 24a de oktobro okazis en Bruselo ĉe la granda Gotika Hotelo Ravenstein la Internacia Konferenco de la Ligo kontraŭ la Blanka Sklaveco. Tiu konferenco estas preparo por la granda kongreso pri la sama grava temo okazonta en Londono dum la jaro 1913. Aldonu ni krome, ke la Belga Komitato enhavas du Esperantistojn, kiuj sukcesis akceptigi la tagordo du deziresprimojn ekzamenotajn dum la Londona kongreso.

Inter aliaj fremdaj oratoroj,la konferenco havis la privilegion aŭdi paroladon de la genia kaj mondfama Prefekto de la Polico de Parizo, S-ro Lépine. Laŭ mia kutimo, mi prenis notojn en Esperanto de tiu gravega parolado.

La sekvantajn tagojn mi legis kun miro kaj malaprobo raportojn en la jurnaloj, kiuj, laŭ mi, nek prave nek akurate raportis la vortojn de la eminenta policestro. Mi do tuj skribis rekte al S-ro Lépine Esperante. Mi diris ke mi estas anglo, scianta la francan lingvon sed skribanta pli facile Esperante. Mi tute ne hezitis tion fari, ĉar mi bone scias ke mia reciproka amiko S-ro Inspektoro Tisson, la secretario de la Pariza Esperantista Polica Grupo, povus perfekte traduki mian leteron al li. Mi tiam donis Esperante la vortojn de lia parolado, laŭ miaj notoj, kaj mi petis lin sciigi al mi se mia raporto estis tute akurata.

Mi, revenantkuriere, ricevis respondon, kiun, pro ĝia graveco, mi petas vin, kara redaktoro, presigi france tiel kiel mi ĝin ricevis :

REPUBLIQUE FRANÇAISE

*Préfecture de Police* *Paris 20 Novembre 1912*
*Cabinet du Directeur des Recherches*

*Monsieur,*

M. le Préfet a bien reçu, par l'intermédiaire de l'inspecteur Tisson, votre communication relative au discours qu'il a prononcé au récent congrès de Bruxelles.

Il me charge de vous faire connaître que vous avez exactement noté les termes de son allocution.

Recevez, Monsieur, l'assurance de ma considération très distinguée.

*Le Directeur des Recherches,*
(subskribita)) : P. HAMARD.

Monsieur RICHARDSON
*121, rue du Marais*
BRUXELLES.

Mi, kompreneble, ne deziras trograndigi la aferon, sed mi nur konstatas tiun fakton : Jen anglo, kiu raportas paroladon francan per Esperanto kaj okazas ke lia raporto estis pli preciza ol la raporto farita de 4 profesiaj ĵurnalaj stenografiistoj, franclingvanoj, raportantaj france. Oni povas sendube alporti klarigojn pri la « kialo » de tiu fakto, sed la fakto mem restas.

AUSTIN RICHARDSON.

---

## UNIVERSALA INTERŜANĜA ESPERANTO-ASOCIO

Dum 1913 UIA kalkulis 470 membrojn dissemitajn en 23 landoj. Tiu sukceso, kiu superis niajn esperojn, montras, ke la kreo de Interŝanĝa Fako respondis veran bezonon ĉe la Esperantistaro.

Por respondi diversajn dezirojn, ni informas niajn legantojn, ke dum 1913 la INTERŜANĜA BULTENO regule aperos ĉiudumonate, de la 1a de januaro. Tiamaniere ĝi fariĝos vera gazeto utila al kolektistoj kaj kapabla liveri al ili praktikajn informojn.

Ni rememorigas al ĉiuj niaj membroj, ke la kotizaĵo por 1913 estas de nun repagebla. Sekve de la ĝenerala voĉdonado de la Delegitoj de UEA pri la financa reformo de UEA, la kotizaĵo al UEA estis fiksita je 1 Sm. La kotizaĵo al la Interŝanĝa Fako restas kiel antaŭe 50 sd. Konsekvence ĉiu membro de UIA devos pagi entute kotizaĵon da 1,50 Sm. (por aliĝo al UEA kaj UIA). Oni estas petata ĝin repagi kiel eble plej baldaŭ al la Delegitoj de UEA, aŭ se ne estas al la Centra Oficejo de UEA. Ĉiu membro repaginta ricevos membrokarton por la nova jaro. Li konservos sian ĝisnunan membran numeron. La adresoj de ĉiuj membroj repagintaj aperos en la venonta Bulteno.

Ni esperas, ke ĉiuj niaj membroj restos al ni fidelaj por la nova jaro kaj per sia persona agado helpos al la pligrandigo de nia Fako, kies sukceso samtempe signifas gravan progreson por Esperanto.

———xxxx———

## El Eksterlandaj Literaturoj

—o—

# La Arlezanino

A. Daudet

Oni nomis lin « Jan ». Li estis admirinda, fortika, dudekjara vilaĝano, saĝa kiel knabino, kun vizaĝo nekaŝema. Ĉar li estis tre bela, la virinoj rigardis lin, sed li pripensis nur pri unu malgranda arlezanino per veluro kaj puntoj tutvestita, kiun iam li renkontis sur la aleo de « Arles ». (1)

Komence en la « Mas », (2) oni ne vidis plezure tiun kunigon. La junulino ŝajnis koketa kaj ŝiaj gepatroj estis fremduloj. Se malgraŭ ĉio « Jan » volis edziĝi kun sia arlezanino. « Mi mortos, li diris, se oni ne donos ŝin al mi ». Rezignacie, oni decidas, ke la edziĝo okazos post la rikoltado.

Sekve en la korto de la « Mas », iun dimanĉon vespere, la familio finis vespermanĝon. Estis preskaŭ edzeca festeno. La fianĉino ne ĉeestis, sed oni trinkadis je ŝia honoro dum la tuta tempo.

Viro sin prezentas ĉe la pordo, kaj, per tremanta voĉo, petas por paroli al mastro « Esteve », al li sola, — « Esteve» leviĝas kaj eliras sur la vojon.

— « Mastro, diras la viro, baldaŭ vi edzigos vian infanon kun friponino, du jarojn ŝi estis mia amantino, kion mi diras, tion mi pruvas. Jen leteroj ! Ŝiaj gepatroj ĉiom scias, ili promesis doni ŝin al mi, sed, ĉar via filo amindumas ŝin, nek ili, nek ŝi volas plenumi sian promeson. Tamen, mi opinias, ke ŝi ne povas edziniĝi kun alia ol mi. »

— « Estas bone ! diris mastro Esteve leginte la leterojn; eniru por trinki glason da muskatvino. »

— « Danke ! respondis la viro, mi havas pli da ĉagreno ol da soifo », kaj li foriras.

La patro reeniras, kun trankvilega vizaĝo ; li sidiĝas ĉe la tablo, kaj la festeno gaje estas finita.

Tiun vesperon Mastro « Esteve » kaj lia filo kune iris sur la kampoj. Longe ili restadis for de la domo, kiam ili reiris, la patrino ankoraŭ atendis ilin. « Edzino, diris la bienulo al ŝi, kondukante ilian filon, kisu lin, li estas malfeliĉa ».

(1) Sudfranka urbo.

(2) Bieneto en la sudfranca lando.

« Jan » ne plu parolis pri la Arlezanino. Tamen li ĉiam ŝin amis, kaj eĉ pli ol neniam, kvankam oni montris ŝin al li, ĉirkaŭbrakita de alia. Sed li estis tro fiera por diri ion. Tio ja mortigis lin la malfeliĉulon !

Iafoje li pasadis la tutajn tagojn sola en angulo, ne moviĝante ; aliajn tagojn li laboradis la teron freneze, kaj sola faradis la laboron de dek terlaboristoj. Je la vespera krepusko, li iradis sur la vojon de « Arles » kaj marŝadis, ĝis li ekvidas, je la okcidento la maldikajn sonorilejojn de la urbo, tiam li revenis. Neniam pli malproksimen li iris.

Vidante lin ĉiam malgaja kaj sola, la homoj de la « Mas » ne sciis kion fari. Oni timeges malfeliĉajon. Iun fojon, ĉe la tablo, lia patrino rigardante lin per okuloj larmoplenaj diris ; « Nu ? Aŭskultu, Jan, se malgraŭ ĉio vi volas, ŝin ni donos al vi.

La patro, ruĝa pro honto, mallevis la kapon.

« Jan » kapklinis kaj eliris.

De tiu tago, li sanĝis sian vivmanieron, ŝainigante gajecon por trankviligi siajn gepatrojn. Oni revidis lin en la balo, la trinkejo, la kurludoj de toro. Ĉe la votiva festo de « Fonvielle » li kondukis farandolon.

La patro diris : « li estas resanigita », la patrino ĉiam timis kaj pli ol iam zorgis pri sia infano.

« Jan » kuŝis kun « kadet » apud la silkraŭpejo. La timema maljunulino starigis liton flanka de ilia ĉambro. La silkraŭpoj povis bezoni ŝin nokte.

Akazis la festo de Sankta « Eloa » patrono de la bienuloj. Granda ĝojo regis en la « Mas » Estis novakasteta vino por ĉiuj, kaj kuirita vino estis disdonita kiel pluvo. Poste petardoj, fajroj sur la drasejo, koloraj lanternoj en la celtisoj. Vivu Sankta « Eloa » ! Oni farandolis ĝis konsumeco de fortoj, kruldifektis sian novan kitelon « Jan » mem ŝajnis kontenta ; li volis dancigi sian patrinon, la bona virino ploris pro feliĉo.

Noktmeze oni kuŝiĝis, ĉiuj bezonis dormi. «Jan» ne dormis. Poste « Kadet » rakontis ke dum la tuta nokto, li ploregis. Ha ! mi certigas vin, ke tiu estis amuza ĝis la frenezeco !

La morgaŭan tagon, tuj ĉe la matenkrepusko, la patrino aŭdis iun, kiu kurante, trairis ŝian ĉambron Ŝi havis kvazaŭ antaŭ senton. « Jan » ĉu estas vi ? « Jan » ne respondis. Li estis jam sur la ŝtuparo. Rapidege la patrino leviĝas « Jan » kien vi iras ? « Li supreniras al la grenejo, ŝi supreniras malantaŭ li. « Mia filo ! en la ĉiela nomo ! » Li rigligas la pordon. « Jan » nia Janĉjo respondu al mi, kion vi faros ? »

Per siaj maljunaj, tremantaj manoj, en la mallumo, palpe ŝi serĉas la malfermilon. Fenestro malfermiĝos. Ŝi aŭdas bruon de korpo falanta sur la platŝtonoj en la korto kaj nenion plu.

La malfeliĉa infano diris al si mem : mi tro amas ŝin ; mi foriros el la vivo. Ho ve ! mizeraj koroj de la homoj ! kiel

strange estas tamen ke malestimo ne povas en ili mortigi amon !

Tiun matenon la vilaĝanoj demandis sin, kiu tie kriadas malproksime ĉe la « Mas » d'Estève.

Estis en la korto antaŭ ŝtona tablo kovrita de roso kaj sango, la patrino tute nuda kiu plorĝemadis kun sia mortinta infano sur la brakoj.

Tradukita Esperante de
M. F. B.

# Kion Patrino povas suferi

DE

## Hendrik Conscience

(*El Flandra lingvo tradukis Frans Schoofs*)

I.

Estis treege malvarme la lastajn tagojn de la monato Januaro 1841. La stratoj de la urbo Antverpeno estis sin vintre vestintaj kaj brilis pro pura blankeco ; la neĝo tamen nek falis je dolĉaj eroj, nek ĝojigis la okulon per siaj miloj da interturniĝantaj plumetoj ; male, ĝi falis klakante kaj kiel hajlo kontraŭ la fenestrovitrojn de l'fermitaj domoj, kaj la akra norda vento repelis al la ruĝiĝinta forno la plimulton de la burĝoj, kiuj sin montris sur siaj domsojloj.

Malgraŭ la akra malvarmeco kaj kvankam estis nur la naŭa matene, oni vidis, ĉar estis vendredo, multe da preterpasantaj personoj. La junuloj klopodis por varmigi sin per kurado, la riĉetaj burĝoj grimacante blovis sur la fingrojn, kaj la laboristoj vivege frapis siajn brakojn ĉirkaŭ sian korpon.

Tiumomente, virino iris tre malrapide laŭ la Butikstrato kies enloĝantojn ŝi kredeble bone konis, ĉar ŝi el kaj eniris la malriĉajn domojn, kaj ĉi tiujn ĉiufoje forlasis kun esprimo de kontenteco. Atlasa mantelo, kiu sendube estis per vato remburita, kovris ŝiajn delikatajn membrojn, velura ĉapelo enpremis ŝian gracian kapon kaj ŝiajn vangojn, kiuj iomete purpuriĝis per la akra aero : boao ĉirkaŭis ŝian kolon kaj ŝiaj manoj estis kaŝitaj en belega mufo. Tiu fraŭlino, kiu ŝajnis sufiĉe riĉa, staris sur sojlo de domo, kiun ŝi estis preta por eniri, kiam ŝi subite vidis alian fraŭlinon de ŝi konatan, alvenantan en la malproksimaĵo ; ŝi restis ĉe la pordo de la malriĉa domo, ĝis ŝia amikino estis proksima ; tiam kun afabla rido ŝi iris al ŝi renkonte kaj diris :

« Bonan tagon, Adela. Kiel vi fartas ? »

« Sufiĉe bone, kaj vi ?

« Dio estu dankata, mi estas bonsana kaj tiel ĝoja ke mi ĝin ne povas esprimi. »

« Kial ?... Ŝajnas al mi, ke la vetero ne estas tiel amuziga. »

« Por mi tamen, jes, Adela. Mi estas nur de unu horo el mia lito, kaj mi jam vizitis dudek malriĉajn loĝejojn. Sed mi vidis mizeron, kara Adela, mizeron, kiu disrompus la koron. Malsato,malvarmo, malsano, nudeco,- estas nekompreneble. Ho, kiel mi sentas min feliĉa pro tio ke mi estas riĉa ; ĉar bonfari estas tiel ĝojiga ! »

« Oni dirus ke vi volas plori. Annah ! Mi rimarkas ke akvo brilas en viaj okuloj ; — ne estu tiel sentema. La malriĉuloj ne estas tiel plendindaj tiun ĉi vintron. Vidu kiom da disdonoj okazas ; karbo, pano, terpomoj, ĉio estas plenmane donata. Hieraŭ eĉ mi oferis kvindek frankojn ; kaj mi povas ja diri al vi ke mi multe pli ŝatas disdonigi mian monon ol iri mi mem en ĉiujn tiujn malpurajn domojn. »

« Adela, vi ne konas malriĉajn homojn. Ne juĝu ilin laŭ la malordaj almozpetantoj, kiuj konsideras la kolektadon de almozoj kiel bonan metion, kaj kiuj intence malpurigas kaj disŝiras siajn vestaĵojn por inspiri abomenon kaj kompaton. Venu kun mi, mi montros al vi laboristojn, kies vestaĵoj ne estas disŝiritaj, kies loĝejo ne estas malpura, kaj kies buŝo ne malfermiĝos por peti, sed nur por danki kaj beni. Vi vidos la teruran malsaton pentritan sur ilia mieno, — la nigran panon frostitan inter la rigidiĝintaj fingroj de la infanoj, la larmojn de la patrino, la malgajan malesperon de la patro.... Ho ! se vi ĵetus rigardon sur tiun mutan scenon de doloro kaj sufero, kian anĝelan ĝojon vi sentus, ŝanĝante ĉion tion ĉi per iom da mono. Vi vidus tiujn malfeliĉajn infanojn kiuj dancante sin alkroĉus al viaj vestaĵoj ; la patrinon kiu alridus vin kun kunmetitaj manoj ; la patron kiu, sensenca pro dankemeco, vian delikatan manon premus en siaj ostaj manoj kaj ĝin malsekigus per varmetaj larmoj ! — Kaj tiam, tiam vi ankaŭ verŝus larmojn de feliĉego, Adela, kaj vi ne fortirus viajn manojn el ia liaj kiel ajn malmolaj ili estu... Vidu, Adela, la memoro pri tiaj momentoj tre kortuŝas min ! »

Dum Annah kun profunda sentemo kaj trafanta voĉo, skizis tiun scenon, ŝia amikino ne estis parolanta, eĉ ne tiajn mallongajn vortojn aŭ sonojn kiuj montras la partoprenon de l'aŭskultanto. La emocio de ŝia amikino tute transiris en ŝin ; kaj kiam Annah ŝin rigardis ŝi estis ĵus preninta naztukon el sia mufo, por forviŝi el siaj okuloj du larmojn kiuj estis rulontaj sur ŝiajn vangojn.

« Annah, » ŝi diris, « vidu, mi iras kun vi por viziti la malriĉulojn. Mi havas sufiĉe da mono en mia monujo. Ni dediĉu ĉi tiun tutan matenon al bonfarado. Ho, kiel mi estas feliĉa, tial ke mi vin renkontis ! ».

Kortuŝita la bonkora Annah rigardis sian amikinon, kaj ŝia mieno sufiĉe esprimis ŝian feliĉon pro tio ke ŝi varbis plian

bonfarantinon por siaj malriĉaj kunurbanoj. Sekvata de Adela, ŝi iris kelkajn paŝojn pli malproksime en domon kie ŝi sciis ke malfeliĉuloj estas troveblaj.

La domo sur kies sojlo ŝi staris, kiam ŝi vidis sian alvenantan amikinon, estis forgesata. Tio estis tamen pardonebla, ĉar ŝi neniam estis enirinta en ĝin, kaj nur intencis ĝin viziti por vidi ĉu tie ankaŭ ne loĝus de ŝi nekonataj malfeliĉaj familioj.

II

En ĉambro de la domo, ĉe kiu la bonfaranta fraŭlino estis starinta, loĝis malfeliĉa familio. Kvar nudaj muroj estis ĉi tie la mutaj kaj nuraj atestantoj de ĉagreno kaj sufero ; kaj la vido de la doloriga spektaklo, kiu tie sin montris, plenigis la koron ne nur per malĝojo, sed ankaŭ per ia sento de malamo kontraŭ la socio. La aero estis tiel malvarma kiel en la strato, kaj la malsekeco penetris la vestaĵojn de tiuj kiuj troviĝis tie ; en la fajrejo brulis fajreto, kiu estis nutrata per pecoj da rompitaj mebloj kaj kiu montris de tempo al tempo, kvazaŭ kontraŭvole, kelkajn malmultajn flamojn. En lito, kiu staris en la mezo de la ĉambro, kuŝis malsana infaneto kiu ne povis esti pli ol unujara. Ĝia flava vizaĝeto, ĝiaj maldikaj braketoj kaj ĝiaj entiritaj okuletoj prave supozigis ke loko en Stuivenberg (*) baldaŭ akceptos la senkulpan infaneton. Sur peza ŝtono, apud la infano, sidis juna virino kun la manoj antaŭ la okuloj. Ŝiaj vestaĵoj, kvankam kunmetitaj el ŝtofoj, kies kolorojn forigis la daŭro de la tempo, ne portis la signojn de tiu mizero, kiu petegas la helpon de la publiko ; male, oni povis rimarki pro ilia pureco kaj pro la multaj, sed preskaŭ nevideblaj kudraĵoj, kun kiom da zorgo ŝi estis klopodinta kaŝi sian bezonon.

De tempo al tempo subpremita sopiro eliris ŝian bruston, kaj kelkaj akveroj gutis de la pintoj de ŝiaj fingroj, per kiuj ŝi kovris sian vizaĝon. Tamen, ĉe la plej malgranda movo de l'infano malsana, ŝi tremante levis la kapon, rigardis plorĝemante kaj kun teruro ĝiajn velkiĝintajn vangojn, puŝis la litkovrilon iom pli apude kontraŭ ĝiajn malvarmajn membrojn, kaj tiam ree faligis sin malesperplene kaj plorante sur la ŝtonon.

La plej profunda silento regis en tiu malfeliĉega loĝejo ; nur la hajloneĝo klakadis kontraŭ la fenestrovitrojn, la vento muĝis en la kamentubo.

Jam dum kelka tempo, la virino, kvazaŭ dormante, restis sidanta sur la ŝtono ; la malsana infaneto ne estis sin movinta, kaj ŝi ne estis levinta la kapon ; ŝi eĉ ŝajnis ne plu plori, ĉar akvo ne plu brilis ĉe ŝiaj fingroj. — Estis en la ĉambro kiel en tombo, enloĝata de mortintoj, kiu neniam devus malfermiĝi.

(*) En tiu tempo, enterigejo en Antverpeno.

Subite, malforta voĉo eliĝis el la fajrejo :
« Patrino ! Patrino kara, mi malsatas ! »

Tiu kiu naskis tiun plendon estis knabo kvin-aŭ sesjara, kiu estis en angulo de la fajrejo kaj estis tiel kaŭranta ĉe la fajro, ke kun peno oni estus rimarkinta lin. Li tremis kvazaŭ la febro kuris tra lia korpo ; kaj kun pli multe da atento oni povis aŭdi, kiel liaj dentoj pro malvarmo interklakadis.

Ĉu pro tio ke la virino ne estis aŭdinta lian plendon, ĉu pro tio ke ŝi ne povis plenumi lian peton, ŝi ne respondis kaj restis senmove sidanta. Tiam momento de morta silento denove sekvis ; sed baldaŭ la knabo plilaŭtigis sian voĉon kaj kriis :

« Kara patrino, mi malsatas. Ho, donu al mi peceton da pano ! »

Ĉi tiun fojon, la virino levis la kapon ; ĉar la voĉo de la knabo estis tranĉanta, kaj sendube ĝi iris kiel tranĉilo tra ŝia patrinkoro. Malgajega fajro brilis en ŝiaj okuloj ; la malespero estis en ili legebla. Kun larmofluo ŝi respondis :

« Kara Janneken (*), silentu, pro l'amo de Dio ! Mi mem mortas pro malsato, mia malfeliĉa infano, — kaj nenio plu estas en la domo ».

« Ho ! Patrino, mi havas tian ventrodoloron..... peceton da pano, ho ! »

La mieno de la knabeto estis tiumomente tiel peteganta, la malsato kun ĝia malbrila kaj flava koloro estis sur ĝi tiel klare videbla ke la sensenca patrino subite leviĝis kvazaŭ ŝi estus faronta malesperan agon ; kun tremanta pasio ŝi metis sian manon sub la kovrilon de la lito, kaj eltiris malgrandan duonsoldan panon, kun kiu ŝi iris ĝis la knabo.

« Jen, Janneken » ŝi diris, « tion mi ankoraŭ konservis por fari kaĉon por via malsana fratineto ; sed mi opinias ke ŝi tamen ne plu bezonos ĝin, tiu senkulpa estulineto ! .. »

Ŝia voĉo rompiĝis, ĉar ŝia patrina koro tro doloris. Tuj kiam Janneken vidis la panon antaŭ siaj okuloj kiel brilanta stelo de feliĉo, la muskoloj de liaj vangoj treme ekmoviĝis, kaj li supren-saltis kun la ambaŭ manoj antaŭen, la malgrandan panon avide prenante, kvazaŭ lupo kiu kaptas sian kaptajon.

La virino reiris al la malsana infano, kiun ŝi ree fikse rigardis kaj tiam denove falis kvazaŭ senforta sur la ŝtonon.

Kun avideco kaj kun nekomprenebla ĝojo la knabeto metis siajn dentojn en la panon kaj mordis kelkajn fojojn en ĝin, ĝis kiam li estis manĝinta iom pli ol la duono, tiam li subite ĉesis, rigardis pli ol unu fojo la pecon kun manĝemo, portis ĝin pli ol unu fojo al sian buŝon, sed ne plu manĝis. Fine leviĝante, li malrapide iris ĝis la virino ; skuinte ŝin ĉe ŝia brako por vekigi ŝin

(*) Janneken = Karesa nomo de Jan (Johancjo) Elp. « Jan'k'n » (Noto de la tradukinto)

el la dormo en kiu ŝi ŝajnis esti enprofundiĝinta, li prezentis al ŝi la pecon da pano kaj diris per dolĉa voĉo :

« Kara patrino, jen ! mi konservis peceton por nia Mieken(*). Mi ja havas ankoraŭ grandan malsaton kaj ventrodoloron ; sed kiam patro hejmen venos, tiam mi ricevos buterpanon, ĉu ne, patrino ? »

La malfeliĉa virino metis siajn du brakojn ĉirkaŭ la bona infano kaj kun amo premis ĝin kontraŭ la bruston ; momenton poste ŝi sensente lasis ĝin ŝovi de siaj genuoj kaj ree ŝin kaptis ŝia antaŭa malgajeco. Janneken tre silente iris ĝis sia malsana fratineto, kisis ŝin sur ŝia malgrasa vango, dirante : « Vi nur dormu, kara Mieken », — kaj returnis ĉe la fajron, kie li ree sin metis sur la teron.

Estis tiam, kiam la bonfaranta fraŭlino staris sur la sojlo de la malriĉa loĝejo, kaj vidis sian amikinon alvenantan en la malproksimajo.

Tuta horo pasis antaŭ ol la malfeliĉega patrino leviĝis el sia maldolĉa revado. Ŝi ankaŭ malsatis, ŝi ankaŭ sentis la voĉon de la krianta korpo, kaj doloroj traboris sian intestaron. Sed ŝi sidis apud terurega mortlito : kun timo ŝi atendis tiun malgajegan momenton kiam ŝi, patrino, vidus sian infanon spiregantan kaj mortantan. Cu ŝi povis do pensi pri siaj propraj doloroj ? Ne ! patrino estas ĉiam patrino : feliĉa aŭ malfeliĉa, riĉa aŭ malriĉa, ne ekzistas pli profunda sento, pli potenca pasio, ol tiu kiu kunligas virinon al ŝia infano, kaj tiu pasio estas pli profunda kaj granda ĉe tiuj, kiuj scias kian zorgon, kian timon, kiom da ŝvito ili dediĉis al siaj infanoj.

Tion scias precipe la malriĉuloj.

Je la deka horo, la virino kaj la knabo estis ambaŭ trafitaj kvazaŭ de sekreta emocio. Ŝi subite leviĝis de la ŝtono, li el la fajrejo, kaj ambaŭ samtempe kriis :

« Ha, jen estas patro, Janneken ! »

« Ha, patrino, jen estas patro ! »

Kaj rideto de ĝojo donis novan esprimon al ilia vizaĝo. Ili estis aŭdintaj bruon de veturilo ĉe la pordo kaj volis kuri renkonten al tiu kiun ili atendis ; sed viro penetris en la ĉambron antaŭ ol ili estis atingintaj la pordon. Dum li skuis la neĝon de siaj ŝultroj, Janneken estis kaptinta unu el liaj manoj, kaj tiris al ĝi, kvazaŭ li volus konduki sian patron pli profunden en la ĉambro. La viro estis doninta la alian manon al sia edzino kaj rigardis ŝin kun profunda malĝojo. Fine li sopiris :

« Trees, (**) ni estas malfeliĉaj, edzino : De hodiaŭ matene mi staras kun mia mitulujo ĉe la fervojo, kaj nenion gajnis :

---

(*) Mieken = karesa nomo de Mario (Manjo): Elp. « Mik'n ». (Noto de la tradukinto).

(**) (Terezo).

Kion ni estas farontaj ? Vidu, Trees, vi kredu min ĉu vi volas ĉu ne, mi dezirus esti mortinta.

Kiel ajn nesufiĉaj la vortoj de la viro estis por esprimi incitigan doloron, liaj suferoj estis pro tio ne malpli grandaj. Lia kapo senkuraĝe pendis sur liaj ŝultroj, liaj okuloj estis senmove teren direktitaj kaj oni vidis, pro la tordado de liaj pugnoj, oni aŭdis pro la kraketado de liaj fingroj, ke la konvulsioj de l'malespero tuŝis lian nervaron.

La virino, kiu forgesis sian propran doloron kaj komprenis kian turmenton suferis ŝia edzo, metis sian brakon ĉirkaŭ lia kolo kaj ĝemante respondis :

Ho, Sus, (*) silentu, tio ne ĉiam daŭros. Vi tamen ne estas kulpa pri tio ke ni estas tiel malfeliĉaj ? »

« Patro, patro », kriis la knabeto, « mi malsatas ; ĉu mi ricevas nun buterpanon ? »

Tiuj vortoj kaŭzis en la viro teruregan movon : ĉiuj liaj membroj tremetis, liaj rigardoj falis furioze sur la plendantan knabeton, kaj dum momento li rigardis lin tiel fikse kaj sovaĝe, ke Janneken timigite kaj ploregante forkuris en la fajrejon kaj de tie ĝemante kriis al sia patro :

« Ho, kara paĉjo, mi ne plu faros tion ! »

Ne liberiĝinte de la spirit-kaj korpstreĉo, la viro iris apud la liton kaj rigardis. kun pli akraj rigardoj, la mortantan infanon, kiu levis ankoraŭ siajn dubantajn okuletojn al sia patro.

« Trees », li kriis, « aŭskultu, mi ne plu povas suferi tion. Estas finite ; tio tamen devus iam okazi ! »

« Kio estas ? Ho Dio ! kion vi havas ? »

La viro, en kies koro granda batalo estis plenumita, trankviliĝis baldaŭ ; kaj supozante kian timon li estis kaŭzinta al sia edzino per sia ekkrio, li prenis ŝian manon kaj parolis malgaje :

« Trees, vi tion scias, edzino ; de kiam ni geedziĝis, mi ĉiam laboris ; neniam mi pasigis tagon nezorgante por vi kaj por niaj infanoj. Ĉu mi do devus almozpeti, post dekjara peniga laboro ? Ĉu mi devus nun petegi de pordo al pordo la panon, kiun mi ĉiam per mia ŝvito gajnis ? Trees, tion mi ne povas fari... eĉ se ni ĉiuj mortus pro malsato kaj mizero. Vidu, mi pro honto ruĝiĝas kiam mi pri tio pensas. Almozpeti ? Ne, restas al ni unu rimedo kiu havigos al ni manĝaĵon dum kelka tempo. Tio dolorigas min, edzino, sed mi vendigos mian mitulujon sur la Vendreda Vendejo. (**) Eble mi havos laborokazon kiam tiu malmulto da mono estos elĉerpita ; kaj tiam ni ŝparos por aĉeti novan veturileton. Atendu do ankoraŭ duonon da horo kaj mi alportos manĝaĵon por vi ĉiuj. »

(*) Malgrandigo de la nomo Frans (Franscisko). Elp. «Süs'». *(Noto de la tradukinto).*

(**) Placo kie vendrede okazas aŭkcia vendado de ĉiuspecaj objektoj. (Noto de la tradukinto).

La mitulujo estas la sola ilo, per kiu la bona laboristo devis gajni sian panon ; ne estas do mirinde ke li kun tiom da malĝojo decidis ĝin vendi. La virino ne malpli malgajiĝis pro tiu fatala propono ; sed tial ke ŝia patrina koro kun deviga voĉo helpon postulis por ŝiaj infanoj, ŝi aprobis la intencon de sia edzo kaj respondis :

» Jes, iru al la Vendreda Vendejo, kaj vendigu la mitulujon ; ĉar nia Janneken kuntordiĝas pro malsato. Mi mem ne plu povas stari . kaj tiu senkulpa estulineto, kiu tie suferante kuŝas... Ho ! Se vi estus jam anĝeleto en la ĉielo, kara infano ! »

Tiam ŝiaj larmoj ree ekfluis el ŝiaj okuloj ; movo kiel tiu kiun li jam sentis, tremigis la korpon de l'viro, kaj liaj pugnoj ree krakante fermiĝis. Li tamen kvietigis sin, kaj malesperplene saltis el la pordo.

Oni baldaŭ aŭdis la bruon de veturilo, kiu rapide estis forpuŝata. La bruo tuj mortis.

III.

Sur la Vendreda Vendejo, ĉe la flanko de la Falkstrateto, staris, inter kelkaj aliaj objektoj, malgranda durada veturilo, samforma kiel tiuj manveturiloj, kiujn en Antverpeno oni nomas mitulujoj, tial ke ili plej ofte estas uzataj por transporti mitulojn. Ne malproksime de tie staris viro kiu ŝajnis neordinare malĝoja ; kun brakoj krucigitaj sur la brusto, li senhalte irigis siajn malsekajn okulojn de la mitulujo al la aŭkcikrianto, kiu estis okupata iom pli malproksime per la vendo de aliaj objektoj. De tempo al tempo, la malesperanta viro frapis la piedon ĉe la teron, kvazaŭ dolorigaj pensoj kontraŭ li batalis ; sed ĉiufoje li reiĝis en senespera melankolio, kiam li rigardis la objekton, kiu ĝis nun servis al li por ke, kiel honesta laboristo, li gajnu sian ĉiutagan panon.

Dum li tiel estis enigata en malespero, du fraŭlinoj iris rapide trans la Vendreda Vendejo ; unu el ili eble estis rimarkinta la doloran esprimon sur la vizaĝo de la laboristo, ĉar ŝi haltigis sian amikinon ĉe la angulo de la Falkstrateto, kaj demandis :

« Ĉu vi ne vidis, Adela, kia malgajeco estas legebla sur la mieno de tiu homo ? »

« De kiu homo, kara ? »

(*Daŭrigota*).

———xxxx———

## *DIVERSAJ INFORMOJ*

**El la nə Esperanta Gazetaro.** — Le Haga ĵurnalo « De Avondpost » publikigas ĉiusemajne Esperanto-rubrikon, verkitan de s-ro Bruyn. Ĝi enhavas kurson pri Esperanto. Krom tio, en la n[ro] de 9, 14, 28 Sept., 5, 19 Okt., oni represis, Esperante, sub la titolo « Por Esperantistoj », la antaŭparolon (biografion de Conscience) el la tradukaĵo « Rikke-tikke-tak » de M. P.

**Deziras Korespondi.** — JOHN KENDRICK, 182, South Whitley, Ind'ana, U. S. de Ameriko, deziraj interŝanĝi vizaĝojn fotografajotajn — sur — P. K. kun gesamideanoj en ĉius landoj. Mi nepre respondos reciproke.

J. KENDRICK

Fraŭlino (Sekretariino de la Katolikesperanta klubo) AGNESO EQAN, 5201. St Louis Mo. U. S. A.

Sinjoro FERDINAND LIEDTKE, Oficisto, Grünstr. 3, Tuchel. Germanujo.

S-ro JOSÉ J. BENITEZ, Apartado Postal 1500, Mexico.

THEODOR LÖTSCH, Pasamentisto, Buchenstrasse 10 — II. Buckholz. (Deutschland)

## GRATULOJN !

Nia samideanino M. Posenaer, pro sia versaĵo « Mi amas vin ! », akiris unuan premion en la literatura konkurso en Terrassa-Hisp. (duaj Floraj Ludoj), kaj samtempe honoran mencion en la literaturo konkurso de la 8a internacia kongreso en Krakovo. Niajn plej sincerajn gratulojn al nia lerta samideanino.

B. E.

## KORESPONDA FAKO

F. T. Jes. mi havas tradukaĵon belegan de tiu kanto, kaj mi presigas ĝin ĉi sube :

### AL LA VESPERA STELO.

(El Tannhäuser de R. Wagner).

Funebre kovras la krepusko valon,
Etendis nokto nigran la vualon ;
Deziras suprenflugi la anim',
Sed tenas ĝin de nokt-teruroj tim'.

Aperas jen, vi stelo la plej kara :
De malproksime fluas lumo klara,
Disigas ombrojn ĉarma la radi',
Amike montras la vojon al mi.

Ravita, ho vespera stel',
Mi vin salutas sur ĉiel' ;
Kaj de fidela mia kor',
Salutu ŝin en tiu hor',
Kiam ŝi flugos for de l'tero,
Al anĝelar' en supra sfero !

A. GRABOWSKI.

LA FIRMO

# L. GEVAERT & C°

**OUDE GOD (BELGUJO)**

starigis

# Grandan Internacian Konkurson

por la plej belaj fotografajoj faritaj sur ĝiaj diversaj

## Foto-Paperoj.

Por tiu konkurso ĝi donacos

**Frankojn 25000**

en monpremioj.

---

La tutlasta templimo por alsendo de la fotografaĵoj estas fiksita je la **15-a Oktobro 1912**

---

*Mendu la libreton kun kondiĉoj de la konkurso.*

---






**29, Huidevetterstraat, 29**

**ANTWERPEN**

FOTOGRAFILOJ JE ĈIUJ PREZOJ KAJ DE ĈIUJ FABRIKEJOJ.

Ciuspecaj fotografplatoj. Platoj Marion. Ĉiuspecaj paperoj Bromidaj kaj por taglumo. Ciuj aliaj necesaĵoj je la plej profitaj prezoj.

Senpaga instruo pri la uzado de la fotografiloj, pri la diversaj operacioj de la fotografarto.

**Fidindega Firmo. — Prezoj malaltaj.**